XIVa jaro. No 212 (4). ☆ Monata ☆ Aprilo 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . . 0.50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



NUNTEMPAĴOJ

## LA ORGANIZO DE LA INTELEKTA LABORO

Kia ajn estos la rezultato de la milito, necesaĵo sin trudos al ĉiuj militantaj landoj: intensigi kaj plibonigi la produktadon. Ĉiuj malbonoj, kiujn kaŭzis la interpopola batalado, almenaŭ ĉiuj malbonoj iel kuraceblaj, ne povos esti alie forigataj. Oni do devas kun atento prikonsideri ĉiun rimedon kapablan plialtigi la produktadon de la industrioj kaj la valoron de iliaj produktaĵoj.

Tial la sistemo Taylor, disvastiĝinta en Ameriko antaŭ la milito, fariĝas tute laŭtempa, kaj la lastaj studoj, kiuj estas faritaj pri ĝi, permesas pli juste prijuĝi tiujn industriajn metodojn, kiuj je sia apero estis diskutitaj pli pasieme ol senpartie.

La principo de la Taylorismo estas konata. Ĝia elpensinto, ekslaboristo F. W. Taylor, fariĝinta en 1884 ĉefinĝeniero de la ŝtalejoj Midvale kaj mortinta en 1915, celis pligrandigi la produktadon de la uzinoj per scienca organizo de la laboro sin apoganta sur profesia laborista reedukado, kiu eliminas ĉiujn senutilajn gestojn tiel ke kun minimuma penado oni atingu maksimuman rezultaton. La esploroj de Taylor kondukis lin mezuri la tempon necesan por ĉiu el la movoj de tia aŭ alia industria operacio, poste elekti la efikajn movojn kaj difini la kondiĉojn — formo kaj loko de la iloj, vicordo de la gestoj plenumotaj, daŭro de la utila laboro, k. t. p. — kiuj estas la plej efikaj por certa agado. Ĉe la Bethlehem Ŝtala Kompanio, ekzemple, kie ĉiu laboristo povis ŝarĝi tage dek-du tunojn da fandaĵo, la apliko de la sistemo Taylor ebligis plialtigon ĝis kvardek-sep tunoj, sen plia fortuzo de la laboristoj.

La studoj de Taylor, kiuj konfirmas la esplorojn de Coulomt, Mosso kaj Imbert, prezentas do nedubeblan socian intereson: ili solvas la problemon pri laceco en maniero, kiu al neniu malutilas, ĉar de la kresko de la produktado sen plia penado profitas tiel la mastro, kies gajnoj pligrandiĝas, kiel la laboristo, kiu estas pli bone pagata.

Malgraŭ tiuj utiloj, la sistemo Taylor naskis kelkajn kritikojn, kiujn ne ĉiam inspiris la rutino aŭ la timo pri la ŝanĝoj: nome, oni riproĉis al Taylor, ke li kreskigas la produktadon malprofite al la trolaciĝita laboristo, kiu pro la monotoneco kaj mekanikeco de sia agado fariĝas kvazaŭa maŝino. Efektive laŭ la principo de la Taylorismo nenia gesto estas fordonata al hazardo, la individua laboro estas zorge regulata kaj el la komuna agado oni eltiras la maksimumajn rezultatojn.

Tiujn kritikojn respondis la granda franca fizikisto Le Châtelier en sia antaŭparolo al la libro de la Usona inĝeniero: „Principoj de scienca organizo de la uzinoj.“ Estas ja bedaŭrinde, li diras, ke la nespecialiĝita metiisto estu plimalpli kondamnata al malapero, sed ĉu tiun socian ŝanĝon ne kompensas la pliboniĝo de la laboristaj vivkondiĉoj? La mekanikiĝo de la laboro tute ne sklavigas aŭ humiligas la laboriston; ĝi kontraŭe liberigas lin dank' al la aŭtomatismo de liaj gestoj kaj permesas al li fiksi la atenton al aliaj objektoj. Fine, la apliko de la sistemo Taylor permesus plialtigi la salajrojn kaj malpligrandigi la nombron de la laborhoroj. Tio ne estus donaco malŝatata de la laboristaro.

Estas en tiu laŭdo pri la Taylorismo loko por multaj diskutoj: ĉu la plialtiĝo de la salajroj ne riskas esti nur provizora kaj ĉesi kiam la Taylorismo estos ĝenerale akceptita? Ĉu tiun superproduktadon kun la allogo de premioj al la plej rapida laboristo ne kompensas trolaciĝo kaj senfortiĝo? Por tion scii, oni devus starigi komitaton de fiziologoj, inĝenieroj kaj sociologoj, kiuj taksus la lacecon de la laboristoj okupataj en la diversaj „Taylorigitaj“ industrioj.

Ĉiuokaze, eĉ se la rezultatoj de tiu enketo ne estus tute favoraj al la sistemo Taylor, ĝia fundamenta principo estas atentinda, kaj oni devus ekzameni, ĉu ne estus eble

ĝin ĝeneraligi kaj apliki, en kelke ŝanĝita formo, ankaŭ al la intelekta laboro.

* * *

La perdoj kaŭzitaj de la milito estos ne malpli gravaj en la intelekta fako ol en la ekonomia. Tie ankaŭ, estos necese, ke, kiam la liberigita homaro povos sin dediĉi al novaj taskoj, ĝi celu al kompleta kaj racia utiligo de ĉiuj rimedoj kaj penoj.

Ni do ekzamenu, ĉu la sistemo Taylor ne povus aplikiĝi al la spiritaj laboroj kiel al la materiaj. Du punktoj estas konsiderotaj: la kolektiva laboro de la laboratorioj, universitatoj, kongresoj, kaj la individua laboro de la izolaj sciencistoj, de ĉiuj, kiuj, havante apartan taskon, tamen kunlaboras al granda komuna verko.

Oni tuj vidas, kiel la apliko de la sistemo Taylor al la kolektiva laboro estus ebla: por tio oni devus kunordigi, por la solvo de tia aŭ alia scienca problemo, ĉiujn penojn de aro da esplorantoj; asigni al ĉiu el ili difinitan taskon, studi kiamaniere ĉiuj fruktoj de la intelekta pripensado estas utiligeblaj, anstataŭ resti senutilaj, ĉar oni ne sufiĉe zorge kolektis ilin. Sur ĉiuj kampoj, kie ne regas la fantazio, oni devus elimini la senutilajn spiritpenojn same kiel Taylor eliminas la senutilajn gestojn. Unuvorte, oni devus perfektigi tiujn spirituzinojn, kiaj estas la laboratorioj, la universitatoj, la sciencaj societoj, transformi ilian ilaron, procedojn, teknikojn kaj metodojn, kaj precipe, per speco de reedukado simila al tiu de la manlaboristoj, kapabligi la spiritlaboristojn al laboro pli efika ĉar pli disciplina.

Oni al tio kontraŭdiras, ke oni ne atendis la militon, nek eĉ la sistemon Taylor, por celi al la ĝenerala plibonigo de la labormetodoj. Tio estas vera, sed tiu reorganizo ne estis tiel racia, nek tiel antaŭaranĝita, kiel postulas la situacio kreata de la milito. Oni ne plu devos forgesi, ke tro da laboroj restas senfruktaj nur pro la manko de kunordigo de ĉiuj intelektaj energioj. Oni konstatos, ke por ĝin certigi, estos necese pli intime ligi la diversajn sciencajn organizojn, vicigi la solvotajn problemojn, dividi la esplorojn kaj grupigi la esplorantojn. Kial oni por tio ne kreus ian superan konsilantaron el ĉiusciencaj plej eminentaj specialistoj, kiu havus la taskon ellabori la programojn kaj kunordigi la rezultatojn? Kial oni ne starigus en la universitatoj, flanke de la kutimaj kursoj kaj prelegoj, studgrupojn pli speciale okupatajn pri tia aŭ alia esplorado, kiu poste estus komparata kun la samfakaj laboroj de la aliaj universitatoj?

Tio jam pli-malpli ekzistas, sed, kiel dirite, estus necese kunigi en unu fako kaj laŭplane organizi tiujn sporadajn provojn kaj izolajn iniciatojn.

Oni ankaŭ kontraŭdiros — tia estas la ĉefa malhelpo al tiu apliko de la Taylorismo — ke la spiritaj laboroj ne taŭgas por rigida disciplinigo, ke ili kontraŭe fondiĝas sur la individua spontaneco kaj, eĉ ĝis la plej abstraktaj sciencesploroj, havas ian artan elementon, kiu forglitas el la sistemigado.

La argumento enhavas iom da vero; estus ja sensence bridi la inteligentojn, malhelpi la kreemon kaj subpremi la imagon, la fantazion aŭ la arton. Sed grupigante kaj unuigante la sciencistojn, oni ne malincitas iliajn penojn. Ĉu tuta serio de studoj ne taŭgus por racia disciplino, kiu, ne enfermante ilin en tro rigidaj kadroj, celus ilin direkti kaj kunrilatigi? La intelekta „Taylorismo" — ne pli ol la industria — se nur ili estas prudente aplikataj, ne devas havi kiel efikon la eliminon de la personeco, sed ties pli plenan utiligon profite al kolektiva verko. Tiel, la problemo estus kunfandi en potenca organismo la individuajn agadojn, zorge studante ĉiujn rimedojn kapablajn garantii al tiu kunlaboro la maksimuman produktadon. Sed la kolektiva laboro dependas de la individua laboro, kaj tiu ĉi ne estas malpli gardata kontraŭ la malŝparo kaj la malcerteco de l' empirismo. Ĉu ankaŭ en tiu rilato speco de Taylorismo ne estas elpensebla?

* * *

Ni unue forigu principan kontraŭ-argumenton, nome: la mekanismo de l' inteligento obeas al leĝoj tiel absolutaj kiel la fizikaj leĝoj; estas do tute neeble modifi tiun mekanismon. Tio estas tute vera. Tial la ĝusta demando estas malpli utopia: influi al la eksteraj kondiĉoj de l' intelekta laboro; eltiri el la studoj pri la laceco spiritan higienon kiel eble plej precizan; kunordigi ĉiujn niajn fiziologiajn konojn pri la penado por determini kun sufiĉa precizo la cirkonstancojn, en kiuj oni plej facile kaj plej profite laboras, jen la tasko. Poste, laŭeble ekzameni ĉiujn spiritajn movojn je la vidpunkto de ilia relativa efiko, elimini la senutilajn aŭ malpli utilajn, kaj grupigi la aliajn, same kiel Taylor, studinte la movojn de la manlaboristo, eliminis la plej efikajn kaj tiel malpligrandigis la lacecon plialtigante la produktadon. Pri tiu tasko, tiel teorie kiel praktike interesa, la modernaj psikologio kaj pedagogio okupiĝas, la unua studante la funkciadon de la inteligento, la dua penante por la enkonduko de pli bonaj labormetodoj, sed tiuj sciencoj ne celas la maksimuman kaj plej bonan produktadon, pri kiu ni aludis. Restas do loko por pli speciala esplorado kapabla je raciaj kaj sistemaj aplikoj.

La unua parto de la tasko estas la malplej malfacila. Por difini la sciencan higienon de la intelekta laborado, sufiĉus elĉerpi kaj elekti el la grandega nombro de dokumentoj, kiujn kolektis la patologoj. Sed pli malfacila estas la ekzameno de la propraj kondiĉoj de la spirita laborado.

Kiaj estas la spiritaj movoj, kiuj kunrespondas al la manaj movoj de la laboristo? Estas ĉiuj ideoj, ĉiuj juĝoj, kiujn utiligas la inteligento, grupigante ilin, per diversaj vojoj, laŭ rezonoj, hipotezoj, teorioj. La memoro, la kunligo de la ideoj, la imago, ĝenerale la racio, estas la uzataj fakultoj. Se oni do volus koni la pli aŭ malpli grandan efikon de tia aŭ alia intelekta operacio, simpla aŭ malsimpla, oni, uzante ĉiujn procedojn de la scienco, ĝiajn mezurojn kaj eksperimentojn, unue devus determini, kiaj estas la fiziologiaj aŭ psikologiaj kondiĉoj la plej favoraj por la rapideco de la idea kunligo kaj memoriĝo, por la facileco de la imagema kreado, fine por la normala uzado de la prudento. La kampo de la eksperimentoj estas vasta, sed ĝi ne estas la sola, kiu devus esti prilaborota. Bone ekkoninte tiujn ĝeneralajn kondiĉojn kun precizaj mezuroj, oni devus, per multaj observoj ĉe la lernantoj, studentoj, sciencistoj, serĉadi inter ĉiuj spontanaj procedoj de la penso tiujn, kiuj kun minimuma laceco atingas maksimuman rezultaton. Tiu problemo estas ja ekstreme malsimpla kaj malfacila, ĉar la inteligento prezentas grandegan variecon de procedoj kaj ne lasas sin malkomponi en elementaj movoj kiel industria operacio. Tamen, ĝi ne ŝajnas a-priorie nesolvebla, kaj estas kredinde, ke per pacienca studado oni povus distingi inter ĉiuj intelektaj movoj gradojn de efiko, pli aŭ malpli oftajn sukcesojn. Nur relativaj rezultatoj estus atingeblaj, sed ili sufiĉus, por ke poste la praktiko utiligu la esplorojn de la teorio. Kaj eble el tiu orientado de la psikologiaj observoj formiĝus, flanke de la formala aŭ aplika logiko, nova scienco, kiu, kvankam ĝi havus la saman celon, rilatus al la logiko kiel la dinamiko al la statiko en la sciencoj de l' movo. Per aliaj vortoj, la sumo de la teoriaj esploroj, kiujn necesigus la apliko de la sistemo Taylor al la intelekta laboro, povus nerekte modifi niajn ĝeneralajn ideojn pri la inteligento, substrekante la dinamikan flankon de la spiritaj operacioj.

Post la plenumo de tiu granda tasko, sur la bazo de la psikologio nun praktikata en la laboratorioj, oni devus ree prilabori la apartajn metodojn de ĉiu scienco, ĉiam kun la priokupo elimini ĉion akcesoran kaj plibonigi la finan rezultaton. Fine, la pedagogio devus disvastigi inter la lernantoj la novajn metodojn de intelekta laboro, kiuj rezultos el la priparolitaj eksperimentoj. Tiel la kunlaborado de la fiziologio — ĉar multaj el tiuj kondiĉoj estas fiziologiaj —, de la psikologio kaj de la pedagogio farus el la homa cerbo pli fortikan kaj pli flekseblan ilon de la penso.

*Marc Dufaux.*
Trad.:[1] *A. R.*

[1] El *„La Suisse“.*

 SOCIA VIVO 

## La koro de Eŭropo

La fama aŭstria verkisto *Stefan Zweig,* kiu de jaroj ludis gravan rolon de literatura peranto, pensis pri mondliteraturo kaj skribis belegajn studojn pri Balzac, Dostojevski, Romain Rolland, ĉiam sub la influo de la ideo pri interpopola komuneco kaj homa frateco, antaŭ nelonge publikigis kortuŝan artikolon pri la verko de la Ĝeneva Informejo de la militkaptitejoj, starigita de la Ruĝa Kruco. El lia longa artikolo ni ekstraktas la jenajn liniojn, kiuj montras, kiel sin respegulas la homama verko de la Ruĝa Kruco en la animo de l' poeto.

* * *

„... Kaj admirinde en tiu ĉi laboro estas miksitaj ĉiutaga tragedio kaj mizero kun tute maloftaj kaj kortuŝantaj momentoj de profunda kaj homa ĝojo. Kiel malfacile, oni pripensu, ĉiutage kaj ĉiutage al centoj kaj centoj da demandantaj, serĉantaj, ĝemantaj homoj, virinoj kaj patrinoj devas esti skribata la sola, nuda, senkompata kaj severega vorto „morta“, „tot“, décédé“! Kaj eĉ tiu ĉi lasta, severega vorto ne sufiĉas al la amantoj. Ĉar kiu volas mortigi la tutan esperon per unu sola, senkompata vorto? Ankoraŭ, ankoraŭ ili denove skribas, ili provas turni ĉiam denove la neŝanĝeblan, ili kroĉiĝas al la fantazio de eraro, aŭ ili volas scii almenaŭ ankoraŭ ion lastan pri la patro, pri la edzo, la malsanon de kiu li mortis, la lokon, kie li estas enterigita, signon por rememoro, dokumenton. Ankaŭ ĉi tie tiuj ĉi helpantoj samaritanoj donas ankoraŭ respondon. Ili sendas skizojn de la tombo, informojn el la hospitalo, atestojn de kamaradoj. Sed malgraŭ ĉio, kia turmento, kia mizero por ili mem devi ĉiutage kaj ĉiutage skribi tiajn leterojn, al ĉiuj anguloj kaj vilaĝoj de la mondo! Kia teruro, ĉi tie en ĉambro ĉiam kaj ĉiam denove senti la emociantan voĉon de la maltrankvilo pro amata estajo! Kaj tiel kortuŝaj estas kelkfoje tiuj ĉi leteroj, tiel ne esprimeble kortuŝaj! Vilaĝanino skribas el sia vilaĝo tute simple: „Ĉu vi nenion aŭdis pri mia filo Johano, mi ricevis de li nenian sciigon depost aŭgusto“, kaj subskribas kun malbona, tremanta skribaĵo sian nomon kaj kredas, la kompatindulino, ke ĉiu konas ŝian filon, ĉiu jam scias, kiu estas tiu ĉi izolulo, kiu estas ŝia ĉio inter la milionoj! Kaj alia postulas post ok tagoj respondon, ŝi jam estas unu fojon skribinta pro sia edzo kaj kredas, ke oni ankoraŭ memoras pri ŝi, pri ŝia malgranda guto de malfeliĉo en tiu ĉi senfina maro. Ĉar ĉiu estas iel sola kun sia doloro, neniu povas pripensi, ke tio, kio disŝiras animon de supre ĝis malsupre kiel rompebla tuko, estas nenio por la alia mondo, linio en la listo de la perditoj, malvarma cifero, atomo, spiro, bagatelo. Neniu hodiaŭ povas tute kompreni, kiel seninteresa, kiel cifera, kiel senanima fariĝis la homeco al la mondo. Kaj tio estis por mi la neforgeseblaĵo de tiu ĉi domo, ke ĉi tie oni kolektas tiun ĉi milionoblan detalon kaj pro tio ĝin sentas tiel grandega, tiel kolosa kaj tiel nekomprenebla, ke oni apenaŭ povas paroli pri tio kaj nur volas ekplori kiel dispremita besto.

* * *

La koro de Eŭropo, kiel oni aŭdas ĝin bati ĉi tie! Dense amasiĝis la paperujoj ĉe la muroj — nun oni ne havas tempon ilin ĝuste ordigi —, kaj tamen en ĉiu estas ŝlosita tuta homa sorto kaj ĝiaj peripetioj en la milito. Kelkaj paperujoj estas speciale ampleksaj, kaj ekzistas kelkaj, kiuj fariĝis la fiero kaj la amo de siaj gardantoj, tutaj Iliadoj de bataloj por aparta sorto, Odiseoj de kompatindaj sklavigitaj homoj en la maroj de la malfeliĉo. Senelekte oni donis iun al mi. Estas la historio de kvinjara infano, malgranda, beleta knabino — la fotografaĵo estas enmetita kaj montras delikatan, timeman vizaĝon — kiu estis trovita iun tagon en Belgujo kiel perdita. Ŝi ne povis diri sian nomon, la malgranda estis iamaniere disigita for de la patrino dum la forkuro, la patro en la belga armeo. Oni ne sciis, al kiu ŝi apartenis, ĉar de centoj da virinoj venis tiam ektimigitaj leteroj pro la perditaj infanoj, kaj oni devis postsendi tiujn ĉi leterojn, fordoni la priskribojn. Oni devis kompari, demandi, serĉi, skribi, telegrafi, ĝis fine oni trovis ŝian apartenecon. Nun feliĉe oni sciiĝis la patrinon kaj volis sciigi la patron, kiu ankaŭ ektimigite kriis el la malproksimo pri la sorto de sia infano. Sed dume la patro estis kaptita, nun oni ne povis lin atingi. Tiel oni decidis transporti la infanon al Francujo, kien forkuris la patrino. Oni devis ekrilatiĝi kun la germana registaro, kaj fine ili sukcesis. Dume la patro estis internigita en Svisujo, tie li kuniĝis sin kun la patrino, kaj ili volis havi sian infanon. Novaj intertraktoj kun la registaro, novaj malfacilaĵoj, ĉar dume la gepatroj denove revenis, kaj fine, post dujara kolera korespondado, malesperiga serĉado, oni sukcesas kunigi tiujn ĉi tri homojn. Centojn da leteroj kaŝas tiu ĉi unu sola paperujo kaj kiel lasta kuŝas en ĝi kortuŝanta en sia simpleco, mallerta dankletero de la nun jam sepjara infano al la Ruĝa Kruco. En aliaj paperujoj similaj vagadoj, aliaj konfuzoj, sed sammulte da maltrankvilo kaj timtremo. El ĉiu etendas sin unu al la alia trans la malplena spaco, trans la brulantaj limoj malesperigitaj homaj brakoj, kaj estas pli da tragedio, pli da malfeliĉo kaj pli da grandeco en tiuj ĉi dokumentoj, ol oni iam trovos en ĉiuj ĉefstabaj verkoj. Por granda epopeo de la humaneco estas preparita ĉi tie la materialo, kaj iu sola eble estos tro malforta por esprimi per vortoj ĝian tutan potencon. Kiu povus ĝin eldiri, kiu ĝin sufiĉe elkrii, tiun ĉi multoblecon de la mizero sur nia hodiaŭa tero, tiujn ĉi eternecojn de maltrankvilo inter letero kaj letero! Tiu ĉi atendado, tiu ĉi brulanta manĝeganta, suĉanta atendado en milionoj da animoj, tiuj ĉi vampiroj kaj ofte mortigaj konfuzoj de la hazardo! Ĉi tie oni nur sentas kiel malriĉa estas unu sola kontraŭ la senfino de la hodiaŭ ribeligita sento. Oni ne povas kun du okuloj ĝin vidi ĝis la fino kaj kun unu animo, unu sola ŝancela homa animo, ĝin senti ĝis la fino.

* * *

La internon de tia impreso, kiu povus ĝin tute kompreni! Sed jam la ekstero de tiu ĉi domo emociis min profunde. Iamaniere estis en mi (kaj eble en la plimulto)

antaŭsento, ke tiu ĉi monstra organizaĵo, kiu ĉirkaŭprenas la tutan eŭropan mizeron, devus esti iel grandega, en grandegaj ĉambroj kun ĉiuj komfortaĵoj, speco de fabriko por la utiligo de la tragedia materialo. Mi prezentis al mi tiun ĉi domon grandioza en la senco de perfekteco de la teknikaj rimedoj kaj en la senco de la elprezento. Sed ĝi estas ankoraŭ pli grandioza, ol mi ĝin imagis. Tio per la kontraŭo: per ĝia simpleco, per la heroa kaj unue preskaŭ ofenda malriĉeco de ĝiaj rimedoj. Nudaj lignaj muroj, rapide faritaj barakoj anstataŭ ĉambroj, krudaj, ĉarpentitaj tabloj sen tirkestoj, senorname pendantaj lampoj, malriĉaj pajlaj seĝoj, ĉio plej malkare kaj plej simple havigitaj kaj ĉio tiel malvaste unu ĉe la alia, ke ne estas loko por sin turni. Kvindek ĝis sesdek helplaboristoj ĉiam kubutproksime en la sama fako, inter tio skribmaŝina klakado, kaj super la kapoj sur simpla, ne kolorigita ligna trabaĵo ankoraŭ dua etaĝo, al kiu oni supreniras per ligna ŝtuparo. Vaganta cirko havas pli da komforto. Nenie apogseĝo, nenie la plej malgranda, plej primitiva komforto. La tuto kvazaŭ rapide konstruita en unu nokto kaj nur por unu sola tago. Ankaŭ ĉi tie estas iamaniere videbla denove la sama falsa penso, per kiu ni ĉiuj vivas depost jaroj, ke tiu ĉi milito estas nur provizoraĵo, ia supraĵo, preterpasonta, ke ne estas necese sin prepari kaj aranĝi por jaroj, por la plej bonaj jaroj de la vivo. Dank' al tiu ĉi bela kaj fruktodona eraro laboras ĉi tie depost tri jaroj tiuj ĉi helpemaj samaritanoj sub kondiĉoj, kiujn kun kolero rifuzus la plej malsupera skribisto de banko aŭ oficejo. Sed ili laboras senlace, tage kaj nokte, de la unua ĝis la lasta.

De la unua ĝis la lasta. Mi volis viziti la direktoron de la domo, al kiu mi ŝuldis de Wien kontraŭviziton, kaj demandis, enirante, pri lia ĉambro. Oni ridetis, kaj mi unue ne komprenis tiun ĉi rideton. Sed kiam oni min kondukis kaj kiam mi vidis kiel ĉi tie la plej supera gvidanto de la civila fako laboras en grandega salono meze de la tumulto de la aliaj, apud krude ĉarpentita ligna tablo kune kun kvin aliaj homoj, sen tirkesto por la propra bezono, nur kun krude ĉarpentita kaseto, kien li kaŝas la plej gravajn dokumentojn: kiam mi vidis tion kaj rememore komparis kun la eleganteco kaj komforto de la plej malgranda privata kontoro, tiam mi ekkomprenis la grandecon kaj la abnegacion de tiuj ĉi homoj, kiuj ĉi tie laboras nevideblaj kaj nekonataj por homoj nekonataj kaj nevideblaj ..."

*Stefan Zweig.*
Trad: *Marg. Iv. Kr-off.*

---

## La historia disvolvo de la flugpoŝto

La unuaj provoj de leterekspedado per aervojo, kiuj okazis sekve de pligrandigita sekureco de la aerŝipoj kaj aeroplanoj estis malmulte atentata en la teknikaj rondoj. Oni rigardis ĉi tiujn vojaĝojn pli multe kiel ludojn, kaj la ekspeditajn poŝtaĵojn kiel bonvenajn objektojn por avidaj kolektantoj. La spertoj de la milito tuŝis tiun ĉi problemon pli profunde. La perfektiĝo de la aparatoj, ilia tre altigita manovra kapablo, kiel ankaŭ la lerteco de iliaj gvidantoj, montris, ke por la *postmilita* tempo nenia grava malfacilaĵo kontraŭstaros la praktikan enkondukon de flugpoŝto.

Ni ĵetu unue rigardon al la komencoj de la nuna flugpoŝto. Ni lasu flanken la balonpoŝton de la Pariza sieĝado en 1870/1871, kiel ankaŭ la kolomban leterpoŝton, ĉar tiuj faktoj jam ofte estis detale pritraktataj. La nova problemo koncernas vojaĝojn, kiuj de certaj forirlokoj celis certajn alvenejojn. La praktika realigo sukcesis per la solvo de la demando pri direkteblaj aparatoj. Proponoj por tio ofte aperis. Antaŭ ĉio estas rimarkinde, ke jam la konata ĉefpoŝtdirektoro Stephan, la iniciatinto de la Universala Poŝta Unio, esprimis rilatantajn pensojn en sia en 1874 aperinta verketo: „Mondpoŝto kaj aerveturado". Sed la efektiva realigo de aerpoŝto estis serioze komencita nur en 1910. Antaŭlaboroj por tio estis faritaj unue en *Nordameriko.* Al la Kongreso estis farita propono, „kiu rajtigas la poŝtestron de Unuigitaj Ŝtatoj tuj komenci provojn pri la uzeblo de la aeroplanoj por la poŝtservo".

*Britujo* ankaŭ rapidis uzi la flugmaŝinon por la leterekspedado. Oni anoncas, „ke la 17 aŭgusto 1910 en la aerodromon de Blackpool alvenis letersako pezanta 75 kilogramojn, kiun la aviadisto Graham White ekspedos al la urbo Southport". Kun tio la plej rapida ĝisnuna poŝtvojo de ses horoj estus farita dum unu horo. Sed nenie mi trovis noton, kiu pruvis la faktan plenumon de tiu poŝtflugo.

Unuigitaj Ŝtatoj ne volis rezigni la gloron pri la realigo de la unua flugpoŝto, kaj projektis por la 5 novembro 1910 la ekspedon de l' poŝto de la Nordgermana Lloyd-vaporŝipo „Kaiserin Aŭgusta Viktoria" al New York je distanco da 50 mejloj. La malbona vetero nuligis tiun ĉi intencon, kaj ankaŭ la por la 12 novembro de la vaporŝipo „Pennsylvania" projektita transportpoŝto ne povis okazi pro teknika difekto.

La honoro pri la realigo de la unua flugpoŝto apartenas al la hinda urbo Allahabad. Tiu ĉi, sidanta ĉe Gango, gastiganta ĉirkaŭ 200,000 loĝantojn, kun moderna trafiko, konata pilgrimejo, jare vizitata de centmiloj da homoj, aranĝis industrian ekspozicion. Kun permeso de la hinda poŝtestraro estis aranĝata de kapitano Wyndham aerpoŝta trafiko kaj la unua flugo estis efektivigita la 18 februaro 1911 de la aviadisto M. H. Picquet. La koncernaj leteroj estis senvalorigitaj per granda violeta speciala stampo. La dua flugpoŝto estis efektivigita en *Francujo;* sed ĉu la franca poŝtestraro kunagis mi ne scias. La 13 aŭgusto 1911 la konata flugisto Vedrines portis poŝtsakon de Issy-les-Moulineaux al Deauville apud Trouville. Rapide sekvis kiel tria poŝtflugo la unua, kiu efektiviĝis en *Britujo.* La 9 septembro 1911 la angla flugisto Hamel ekspedis 24-funtan poŝtsakon de la flugejo en Hendon al Windsor. Ke la angloj tre atentis tiun ĉi okazaĵon, estas videbla el tio, ke entute 580 funtoj da poŝtaĵoj estis donitaj por flugekspedado, por kiu oni bezonis pli ol unu semajno.

La lando, kiu nun energie kaj grandioze ebligis la aerservon por poŝtaj celoj, estis *Unuigitaj Ŝtatoj.* Per multnombraj apartaj entreprenoj, kiuj estis permesitaj de la ĉefpoŝtdirektoro Hitchcok, okazis en preskaŭ ĉiuj partoj de la nemezurebla lando gravaj flugoj, kiuj celis pruvi la plej rapidan transporton de poŝtsendaĵoj. La unua oficiala aerpoŝto estis farata la 23 septembro 1911 inter Garden City Estates N. Y. kaj Mineola N. Y. Al tio sin ligas — precipe multnombraj en 1912 — la apartaj aranĝoj, kies lasta, laŭ mia scio, okazis la 2 novembro 1916 de Chicago al New York. Kun tio estis pruvita la praktika efektivigeblo je grandaj distancoj (proksimume 900 mejloj). Laŭ miaj esploroj estis aranĝitaj en tiu lando entute 86 poŝtflugoj.

*Svisujo* ankaŭ atentis tiun ĉi branĉon de la leterekspedado, tamen ne kun la intenco je pli malfrua praktika uzo, sed kiel profita kampo por la militista aviado. En 1913 estis faritaj poŝtflugoj en diversaj lokoj.

*Francujo* havis sian duan poŝtflugon en Nancy la 31 julio 1912; la 15 oktobro 1913 sekvis Paris—Bordeaux, dum la linio Paris—Nice, kvankam la gazetaro anoncis ĝian malfermon por la 7 novembro 1913, fakte ne estis efektivigita.

*Germanujo* registras sian unuan poŝtflugon la 18 januaro 1912. La aviadisto Grade faris poŝtservon inter Bork kaj Brück dum pluraj tagoj, ĝis la poŝtestraro malpermesis la

pluan funkciadon. En majo 1912 sekvis oficiale aranĝitaj poŝtflugoj en Leipzig, Mannheim, Heidelberg. La Zepelinoj ekagis oficiale kaj profite kiel leterekspedantoj nur en junio 1912. Rimarkinda estas la Darmstadt'a poŝtkarta semajno, kiu havis grandegan sukceson. La apartaj citoj de la ceteraj aranĝoj en Germanujo kondukus tro malproksimen.

De aliaj poŝtflugoj povas esti nomitaj: Cape Town—Johannesburg en decembro 1911; Yokohama la 2 junio 1912; Haveskov (Danujo) la 29 julio 1912; Stockholm la 29 aŭgusto 1912, kie flugisto unuafoje je la ekskluziva servo de la gazetaro portis nombron da specialaj ekzempleroj de la „Dagens Nyheter" al Upsala; Rosario (Argentino) la 14 septembro 1912; Bruxelles—Gand. El la plej nova tempo estu citata la per la iniciato de la firmo Pomilio & Ko. en Torino efektivigita aerpoŝto Torino—Romo (22 majo 1917).

La milito unue tute malhelpis la normalan disvolvon, poste aperis flugpoŝtoj kiel sekvo de militagoj; kiel fincelon ni devas atendi tre gravan progreson de la aertrafiko. Depost la komenco de la batalado estas faritaj poŝtflugoj en Eŭropo nur por interrilatigi sieĝitajn urbojn kun la ekstera mondo. Antaŭ ĉio mi citas Przemysl, kies „flugista poŝto" tre etendiĝis; poste estas citindaj: Nowo-Georgiewsk, Kut-el-Amara, Saloniki—Bukarest, Athen (Larissa)—Görlitz.[1] Tie ĉi estu ankaŭ notite, ke per flugistoj estas disvastigitaj en malamika lando proklamoj, korespondajoj, k. a. En rimarkinda grandeco estis uzataj por tiu celo ankaŭ senhomaj balonoj. Interesa estas la kombino de balonoj kaj leterkolomboj.

Post la milito la flugista rutino havos gravan signifon por la aertrafiko. La poŝtestraroj de la grandaj ŝtatoj jam nun sin preparas por la postuloj de la paca periodo. Mi citas, por esti konciza, nur la plej gravajn informojn. Germanujo fidas al siaj Zepelinoj; en la antaŭa jaro oni intencis organizi jam dum la milito flugpoŝton same kiel la efektivigitaj submarboataj vojaĝoj inter la kontinento kaj Ameriko. Anglujo projektas aerligon inter Londono kaj Parizo. Lord Montagu disvolvas i. a. sian projekton de flugservo al Hindujo kaj kredas ekspedi de Londono al Peshawar (Hindujo) leterojn dum malpli ol 36 horoj, pasaĝerojn dum malpli ol 59 horoj. Plivastigo de la leterpoŝta vojo sekvus pluen de Hindujo al Aŭstralio trans Calcutta—Rangoon—Singapore, Brita-Nord-Borneo, Queensland. S-ro Amiard, prezidanto de la poŝtkomisiono, disvolvis vastan projekton pri la aertrafiko en Francujo kaj ĝiaj kolonioj, precipe al norda Afriko. Aŭstrio-Hungario intencas malfermi linion Berlin—Wien—Budapest—Konstantinoplo. Italujo jam la 1 junio 1914 rilatigis laŭ iniciato de la Turing-klubo la poŝtservon kun la aervojaĝado kaj, kiel supre dirite, malfermis la 22 majo 1917 unuan oficialan trafikon inter Torino kaj Romo, kiun sekvos dua inter la kontinento kaj la insulo Sardinio. Hispanujo volas aranĝi por ĉiuj grandaj urboj de la regno konstantan „flugrapidan poŝttrafikon". Bavarujo leĝe fiksis en sia nova poŝtordo de 24 marto 1917 sub § 70: „La kondiĉoj por la flugpoŝta ekspedado estos fiksataj per apartaj leĝoj post la organizo de tiu servo".

Estas kompreneble, ke ankaŭ la kolektosporto turnis sian intereson al la aerpoŝta ekspedado. Ĝenerale la flugmaŝine ekspedotaj poŝtaĵoj devis esti afrankitaj per ekstra pago inter 10 kaj 50 centimoj. Estis venditaj speciale stampitaj kartoj k. t. p. por certa prezo, aŭ estis surgluita unu flugpoŝtmarko, reprezentanta la korespondan valoron. Krom tio la ŝtata poŝto ĉiam postulis, ke oni afranku per ĝiaj propraj markoj. La fakto de la ekspedo per flugo estis preskaŭ senescepte notita per ekstra flugpoŝta stampo sur la poŝtaĵo. Kelkaj el tiuj flugpoŝtaĵoj fariĝis ekstreme maloftaj. La ŝtataj poŝtadministroj de Nord-Ameriko, Kubo kaj Aŭstrio esprimis sian intereson por tiu ĉi ekspedrimedo per reprodukto de aeroplanoj sur letermarkoj. Al pli vastaj rondoj estis montritaj poŝtflugaĵoj kaj rilatanta materialo en la speciala ekspozicioj de New York 1913 kaj Bern 1914.

*D-ro Robert Paganini.*
Trad.: *M. K.*

[1] La gazetoj antaŭ nelonge raportis, ke regula flugpoŝto okazas inter Wien kaj Kiew.

# NOTOJ

.·. **La balotreformo en Britujo.** — La nova balotleĝo, kiu lastatempe estis akceptita de la Parlamento, estas la plej radikala balotreformo, kiu iam estis decidita en Britujo. Laŭ tiu nova leĝo pluraj milionoj da virinoj, kiuj estas pli ol tridekjaraj, ricevas voĉdonrajton, same kiel ankaŭ la soldatoj kaj ŝipanoj pli ol deknaŭjaraj. El la nova leĝo rezultos preskaŭ duobliĝo de la balotantaro. En la jaro 1916 ĉirkaŭ 9½ milionoj da regnanoj havis balotrajton. Tiu nombro nun plialtiĝas je 16½ milionoj. Estonte la balotoj okazos la saman tagon en tuta Britujo. La balotrajto estos de nun ligata nur je sesmonata restado en iu komunumo. La dispartigo de la balotrondoj estas ŝanĝita en tiu senco, ke oni elektos unu deputaton por 70,000 loĝantoj, el kio sekvos plialtiĝo de la deputataro de 670 ĝis 702. La plimulto de la personoj, kiuj ricevas voĉdonrajton sekve de la nova leĝo, estas virinoj; ĉirkaŭ 6 milionoj da virinoj rajtos partopreni en la balotoj.

.·. **La uzado de l' Panama-Kanalo.** — La nuna milito okupas la atenton ĝis tia grado, ke oni preskaŭ ne plu interesas sin pri aliaj demandoj, kiuj tamen estas tre gravaj el ekonomia vidpunkto.

La 15 aŭgusto 1914, la Panama-kanalo, kiu estas unu el la plej grandiozaj verkoj de la moderna tempo, malfermiĝis por la navigado. Je tiu momento ne mankis pesimistoj, kiuj antaŭdiris, ke tiu nova marvojo ne estos multe uzata. Nun, jam de tri jaroj, la ŝipoj uzas la kanalon, kaj la atingitajn rezultatojn oni povas konsideri tre kontentigaj.

Dum la unua periodo de la 15 aŭgusto 1914 ĝis la 30 junio 1915, t. e. dum 10½ monatoj, la nombro de la ŝipoj, kiuj trapasis la kanalon atingis 1088 kun 4,969,792 tunoj. En 1916 la kanalo estis fermata du monatojn pro ter-disfalo en la fosaĵo de Culebra; pro la sama kaŭzo, la navigado estis parte interrompata dum 4½ monatoj; la nombro de la ŝipoj, kiuj trapasis la kanalon dum tiu jartempo estis 787 kun 3,140,046 tunoj. Por la tria jartempo, kiu finiĝis la 30 junio 1917, oni registris 1876 ŝipojn kun 7,229,255 tunoj.

En la komenco, la britaj ŝipoj reprezentis la 45 % de la tuto; poste venis la usonaj ŝipoj kun 32 %. Nuntempe, la Panama-kanalo, kiu neniam estis pli ofte uzata ol en januaro 1918 (175 ŝipoj), estas traveturata preskaŭ nur de usonaj ŝipoj.

Oni povas antaŭvidi, ke post la milito tiu belega marvojo ludos gravan rolon en la ekonomia vivo de Ameriko, de Eŭropo, de Aŭstralio kaj de Ekstrem-Oriento. — *T. G.*

.·. **La aŭtomobil-industrio en Usono.** — La kapitaloj metitaj en la aŭtomobil-industrio en Usono atingas la grandegan sumon da 736 milion dolaroj. Ekzistas 608 aŭtomobil-fabrikejoj okupantaj entute 280,000 laboristojn, al kiuj oni lastjare pagis 275 milion dolarojn kiel salajrojn. La jara produktado sumis 1,693,994 veturilojn kaj 112,200 motorĉarojn, kies suma valoro estas 917,470,938 dolaroj. La prezo de veturilo atingas meznombre 720 dolarojn.



# LITERATURO



## La karboveturilo

Rakonto de **Ludwig Thoma**

Ludwig Thoma estas unu el la plej konataj humorverkistoj de nuntempa Germanujo. Li i. a. estis kunlaboranto de la fama spritgazeto „Simplicissimus“.

Granda, forte ŝarĝita karboĉaro veturis sur la reloj de la tramvojo, kiam jus alvenis elektra tramvagono.

La veturigisto de la karboĉaro diris: Ho, he, ho, kaj forlasis la relojn tiel malrapide, kvazaŭ tramvagono estus strata premigilo.

Sekve li ĝuste sukcesis, ke lia malantaŭa rado estis alpuŝata de la tramvagono.

La rado rompiĝis kaj la karboveturilo sidiĝis kun krakego meze sur la reloj.

„Bovo, malsprita, ĉu ci ne povas foriri?“ kriegis la konduktoro.

„Nun ne plu, ci azeno!“ respondis la veturigisto. Kaj li estis tute prava, ĉar ŝarĝegon da karboj oni ne povas fortiri sur tri radoj.

La konduktoro submetis al la veturigisto ankoraŭ aliajn demandojn. Ĉu la proksiman fojon li intencos atenti, aŭ ĉu li ne atentos, kaj kiel tia brutulo povis fariĝi veturigisto. Tio tute ne maltrankviligis la veturigiston.

Li malsupreniris de la ĉaro kaj konstatis, ke la rado estis tute rompita.

El tiu fakto tirante la konkludon, ke lia restado estos je certa daŭro, li elpoŝigis pipon kaj komencis fumi.

Nur poste li pli proksime observis la konduktoron, kaj kiam li estis lin sufiĉe ekzameninta, li deklaris al la kunveninta publiko, ke li atentos nek la tramvagonon, nek la konduktoron. Plie li invitis la Akcian Societon kaj ĉiujn ĝiajn oficistojn, ke — — ke ili ekzamenu ilian dorsflankon.

En tiu momento policisto puŝis tra la publiko kaj sin starigis antaŭ la veturilo.

„Kio okazis? Kio mankas?“

„Malantaŭa radeto mankas“, diris la veturigisto.

„Kio? Tion ni tuj havos“, respondis la policisto, kaj mi kredis, ke li volas indiki metodon por levi plej rapide falintajn veturilojn.

La policisto tiris el la poŝo dikan notlibron, malfermis ĝin kaj prenis krajonon, fiksitan ĉe la kovrilo.

Dum li pintigis ĝin, alvenis nova tramvagono.

Ĝia konduktoro faris grandan bruon pro la deviga halto, kaj la kontrolisto blovis plenforte en sian arĝentan fajfilon.

„Kia malrespekta fajfado! Ĉu eble vi bonvolas ĉesigi tian bruadon?“ demandis la policisto kaj trabore alrigardis la konduktoron, dum li malsekigis la krajonon per la lango.

„Nun,“ li diris, denove sin turnante al la veturigisto, „nun respondu al mi kiel vi estas nomata.“

„Matthias Kuchelbacher.“

„Mat—thi—as Ku—chel—ba—cher. Kie vi estas naskita?“

„Kio?“

„Kie vi naskiĝis?“

„En Lauterbach.“

„Nun, en Lau—ter—bach. Ĉu vi eble kredas, ke ekzistas nur unu Lauterbach? Ĉu eble vi diros al mi, kie troviĝas tiu domareto? Ĉu vi ne povus esti iom pli preciza, vi?“

Intertempe estis ĉiam plimultiĝinta la popolamaso, kiu staris ĉirkaŭ la veturilo.

Sinjoro en la unuaj vicoj inspektis kun kompetenta mieno la difekton.

Li malleviĝis kaj observis la veturilon de malsupre; poste li staris antaŭ la ĉaro kaj fikse rigardis ĝian longan flankon, poste ree li kliniĝis kaj frapis per sia bastono sur la tri nedifektitaj radoj.

Kaj fine li diris, ke rompiĝis nur unu rado, kaj ke, se ree ĝi estus bona, oni povus tuj forveturi.

La ĉirkaŭstarantoj konsentis. Laboristo diris, ke oni devus provi, ĉu la veturilo ne estus forpuŝebla. Li kraĉis en la manojn kaj staris malantaŭ ĝi. Poste li kriis: oh, ruk, ruk, tremigis la veturilon kaj ree kraĉis en la manojn, ĝis la policistoj lin forigis.

Ili nun disvolvis grandan agadon. Ili atentis, ke la rigardantoj bone kondutu kaj staru en rekta linio. Tio ne estis facila. Kiam dekstre ili finis, la scivolemuloj puŝis antaŭen je la maldekstra flanko kaj tial la policistoj kuris tien kaj reen, perdante la spiron.

Krom tio ili devis atenti, ke ĉiu nova policisto, kiu alvenis, ricevu sian lokon; kiam alvenis superulo, ili devis ĉion rakonti al li, kaj se alveturis nova tramvagono, ili devis komprenigi al la konduktoro, ke li ne rajtas veturi tra la aliaj tramvagonoj.

Mi ne scias, kiel finiĝis la afero, ĉar post du horoj mi devis foriri por la vespermanĝo. Sed kun kontento mi legis la proksiman tagon en la gazetoj, ke ĉeestis la polica direktoro, la ministro de la internaj aferoj kaj niaj du urbestroj. Trad.: *Ed. St.*

## La rompita vazo

de **Sully Prudhomme**

La vazon, kie mortas la verben'
Per ventumilo ies man' ekfendis;
L' ekbat' apenaŭ tuŝis ĝin, ĉar jen
Nenia bru' resone sin etendis.

Sed la fendeto tiel delikata
Kristalon ĉiutage pli mordante
Sur sia vojo certa, nevidata
Rondiris malrapide, sed konstante.

La freŝa akvo gutis for silente,
La suko de la flor' elĉerpis sin;
Neniu ĝin supozas ĉi-momente;
Rompita ĝi estas, do ne tuŝu ĝin!

Simile man' amata, iafoje,
La koron tuŝetante, ĝin ekfendas;
La koro poste krevas, kaj malĝoje
La flor' de l' amo pereante plendas.

Por mond-okuloj restas ĝi senvunda,
Sed ĉiam kreskas, kun mallaŭta plor',
Vundeto delikata kaj profunda,
Ne tuŝu ĝin — rompita estas kor'!

Trad.: *Anton Grabowski.*

## *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*





# Datrevenoj

Je la 14 aprilo, unu jaro estos forpasinta de kiam ĉesis bati la nobla koro de nia neforgesebla Majstro, — unu tuta jaro, dum kiu daŭrigis senkompate regi tiu leĝo de reciproka malamo kaj mortigo, al kies forigo li tiom revadis.

Nian ĉagrenon ne malfortigis la pasintaj jaroj. Tiel vigla kiel en la unua momento estas nia bedaŭro, ke *Li* ne plu estas inter niaj vicoj, kaj por ĉiam malaperis la homama pensulo, al kiu ni ĉiuj ŝuldas tiom da dankado pro la ĝuoj al ni donitaj de la admirinda kreaĵo de lia genio.

Pri la graveco de la verko de Zamenhof la ekstera mondo ankoraŭ tre malmulte konscias. Aliaj nomoj, aliaj agoj okupas nun ĝian atenton. Sed la estonto ne plene konfirmos niajn nuntempajn juĝojn. Venos tago, kiam la homaro liberigita el la ideoj, kiuj ĝin nun kondukas al abismo, honoros kaj gloros la nomon de la tre modesta Varsovia okulkuracisto, kiu forĝis la plej bonan ilon por la daŭra realproksimigo de la popoloj.

Sur la sekvantaj paĝoj de tiu ĉi gazeto niaj legantoj povos legi proponon de unu el niaj fervoraj svisaj samideanoj, S-ro G. Stroele, pri solenigo de la funebra datreveno. Al tiu propono ni kore aliĝas, kaj ni esperas, ke ĉiuj Esperantistaj grupoj aranĝos dum la semajno de la datreveno specialan kunvenon, en kiu oni memorigos pri la penplena vivo de Zamenhof, gloros lian kreajon kaj, — ĉar rememorigo de l' estinto neniam forgesigu niajn devojn al la estonto, — sin reciproke kuraĝigos kaj refortigos por la morgaŭa agado.

Multaj grupoj jam kutimas aranĝi Zamenhofan feston ĉirkaŭ la 15 decembro — naskotago de nia Majstro. Tio tamen ne malhelpas, ke ankaŭ je la 14 aprilo alia memoriga kunveno povu esti organizata. Sed estus dezirinde, ke oni diferencigu ilian karakteron, tiel ke la decembra solenaĵo estu aranĝata kiel publika propaganda manifestado kun gazetartikoloj, paroladoj pri Esperanto kaj ankaŭ kun festoj — la tago, en kiu Zamenhof naskiĝis estu ja ĝoja tago! —, dum la aprila solenaĵo, pli speciale dediĉata al la rememorigo pri la vivo de nia Majstro, havus pli intime-esperantistan karakteron. Tiamaniere povus solviĝi la demando pri Esperantista festo, kiun oni ofte diskutis senrezultate. La komenco de la monato decembro, en kiu nia agado estas kutime la plej vigla, taŭgus por granda propaganda manifestado, kaj en aprilo la novaj Esperantistoj de la vintraj kursoj kuniĝus kun la malnovaj samideanoj por dece honori la kreinton de nia lingvo kaj ĉerpi el lia heroa vivo kuraĝon por la estontaj bataloj.

* * *

Tiu ĉi monato aprilo revekas ankaŭ la penson pri alia datreveno, malpli grava, sed tamen ne tute forgesinda. Je la 28 aprilo, *dek* jaroj estos forpasintaj de kiam oficiale fondiĝis UEA. Kvankam la ideo pri kreo de internacia organizaĵo jam estis formulita dum la jaro 1907 en la momento de la Idista krizo, kaj la unuaj klopodoj por la efektivigo de nia projekto okazis en la komenco de 1908, nur je la 28 aprilo 1908 estis akceptita la provizora statuto de UEA. Tiu ĉi dato povas esti do konsiderata kiel la fondodato de UEA, kiu de tiam fariĝis regula organizaĵo.

La milito tiel transturnis la spiriton, ke antaŭmilitaj okazintaĵoj relative freŝaj ŝajnas envolvitaj en la nebuloj de tre malproksima estinteco. Estas tial konjekteble, ke multaj Esperantistoj ne plu tre klare rememoras en kiaj kondiĉoj nia UEA estis fondata. Ni do iom helpu al ilia memoro!

En la jaro 1907, post la sukcesa kongreso en Cambridge, grava danĝero minacis la unuecon de nia movado pro la konata afero de la Delegitaro kaj la apero de la projekto Ido. Oni multe polemikis kaj batalis interne de nia tendaro, kaj dum kelka tempo oni povis timi, ke nia unueco, dank' al kiu tiel belaj sukcesoj estis atingitaj, estos rompata pro la ŝancelo de nia lingva fundamento. Feliĉe, la Esperantistaro energie reagis kontraŭ la intencitaj atencoj al sia lingvo kaj, sin liberiginte je kelkaj nedezirinduloj, daŭrigis sian iradon antaŭen. Sed la danĝero estis, kaj por la estonto io simila nepre devis esti evitota. Kun la helpo de nia neforgesebla amiko Rousseau, kies nomo estas disigeble ligata je la fondo de UEA, mi do tiam estis alkondukita publike alpaŝi kun la ideo pri internacia organizaĵo, kiu jam priokupis min, de kiam falis en miajn manojn la gvidado de tiu ĉi gazeto (1907).

Post kelktempa partopreno en nia movado, ni efektive konvinkiĝis, ke nia lingvo estos ŝirmata kontraŭ ĉiuj atencoj kaj pereigaj diskutoj, nur kiam ekzistos sufiĉa kvanto da homoj kaj institucioj, kiuj internacie uzos ĝin por siaj bezonoj, same kiel oni uzas nacian lingvon. Ni spertis, ke la pure predikema propagando ne sufiĉas: post nedaŭra entuziasmo multaj varbitoj forlasas nian aferon, ĉar ili ne scias tiri ian utilon el Esperanto. Propagando estas ja necesa, sed ne malpli necesa estas la utiligado de la lingvo por la diversaj postuloj de la internacia vivo, ĉar sole per tio Esperanto povas fariĝi vivanta lingvo. Aliparte, ni ankaŭ estis konstatintaj, ke ĝuste ĉar ĝi havas preskaŭ ekskluzive propagandan karakteron, nia movado estis tro naciigita kaj la rilatoj inter la diverslandaj Esperantistoj tiam ne estis sufiĉe multaj kaj intimaj. Fine, aliĝinte al Esperanto precipe ĉar ni vidis en ĝi efikan ilon por la alproksimigo de la popoloj kaj ilia paca kunlaboro, ni opiniis, ke ankaŭ en tiu rilato internacia organizaĵo sur la neŭtrala fundamento de Esperantismo povos ludi utilan rolon.

La ideo de internacia organizo de la Esperantistoj ne estis nova, sed oni ĝis tiam komprenis ĝin kiel ligon de ĉiuj propagandaj organizaĵoj, kiu direktus la propagandon kaj sin okupus pri la disvolvo de la lingvo. Sub tiu formo la Esperantistaro ĉiam rifuzis ĝin akcepti. Nia ideo ja estis alia. Ni ne intencis kunigi la tre neegalajn ekzistantajn organizaĵojn propagandajn, kiuj cetere deziris resti sendependaj, sed nur grupigi ĉiujn individuojn, kiuj iel deziras uzi Esperanton, kaj krei por ili praktikan internacian servaron. Tial nia organizmodelo ne estis unu el la multaj projektoj de „Esperantista Ligo", sed prefere nacia Turing-Klubo, kun tiu diferenco, ke nian organizaĵon ni volis internacia kaj diversfaka. Individuaj membroj, regionaj delegitoj, centralizita administrado, tia estis kaj tia restis, malgraŭ kelkaj detalaj ŝanĝoj, la organiza fundamento de UEA. Cetere, en la momento kiam ni eklaboris, ekzistis jam de post la Ĝeneva Kongreso pli-malpli pretaj elementoj por tia organizo en la formo de Esperantistaj Konsuloj, elektitaj en kelkaj urboj laŭ la propono de S-ro Carles, sed laborantaj laŭ malsamaj principoj ĝuste pro manko de taŭga internacia organizo.

Nia projekto ricevis plejparte favoran akcepton ĉe la Esperantista publiko, sed ĉe kelkaj tiamaj gvidantoj de nia movado ĝi vekis nur tre moderan entuziasmon. Iuj timis, ke tiu nova organizaĵo sin okupos pri lingvaj demandoj; aliaj, ke ĝi volas direkti la propagandon kaj anstataŭi la ekzistantajn societojn; iuj, ke ĝi konkurencos la naciajn societojn; aliaj, ke ĝi estas kreaĵo de senaŭtoritataj junuloj (prava riproĉo!), k. t. p. Mi rememoras, ke tiama „eminentulo" eĉ intencis sendi al mi serion de artikoloj por pruvi, ke tia organizaĵo estas tute neebla! Unuvorte, ni renkontis ĉe kelkaj gvidantoj tiun saman rutinon, kiun ili riproĉas al kontraŭuloj de nia afero. Anstataŭ polemikadi, ni juĝis pli saĝe iri antaŭen kun tiuj, kiuj komprenis kaj fidis nin. Respondo per faktoj estas ĉiam pli konvinkiga ol respondo per teoriaj artikoloj. Efektive iom-post-iom la miskomprenoj malaperis; oni konvinkiĝis, ke UEA ne volas ĉion ensorbi kaj estas danĝero por neniu. Pli poste, tamen, speciale post la Antverpena Kongreso, UEA estis devigata batali por sia ekzistrajto, kiun minacis ne bone pripensita projekto de internacia organizo de la Esperantistaro.

Sen kapitalo estis fondita UEA. Ĝiaj iniciatintoj havis multe da laborvolo, sed da mono malmulte. Plie, al ili mankis sufiĉa

sperto pri administraj kaj financaj aferoj (la subskribinto de tiu ĉi artikolo tiam estis nur dudek-jara!). Ambaŭ mankoj estis kaŭzoj de gravaj internaj malfacilaĵoj. La juna Asocio rapide progresis inter la Esperantistaro, sed ĝuste tial la laboro kreskis supermezure kaj eluzis niajn fortojn. Pro nesufiĉo de monrimedoj, ni ne povis dungi la oficistojn, kiuj estus necesaj por taŭga administrado, kaj ni devis dispartigi la laboron inter disc loĝantaj bonvolaj kunlaborantoj — kio malfaciligis la rapidan plenumon de la laboro kaj okazigis multajn plendojn. La nombro de la membroj rapide kreskis, sed la tre malalta kotizaĵo (60 centimoj en la unua jaro, 90 en la dua) apenaŭ sufiĉis por pagi la presaĵojn kaj poŝtelspezojn. Tiu periodo estis vere laciga kaj premega, sed ni laboris kun espero. Foliumante la tiaman kolekton de „*Esperanto*", oni povas konstati, ke jam en la unua jaro UEA estis tre agema: ĝi kreas delegitaron kaj elektigas multajn diversfakajn konsulojn, eldonas jarlibron kaj propagandilojn, publikigas organizajn cirkulerojn, aranĝas karavanojn al la Dresdena Kongreso. Kiom da klopodoj kaj prizorgoj kaŭzis tia agado, tion povas diri nur la malmultaj personoj, kiuj vizitis tiam nian oficejon konsistantan el unu simpla ĉambreto.

De tiu komenca malfacila periodo kelkaj nomoj estas neapartigeblaj. Antaŭ ĉio tiu de nia amiko Rousseau, kiu estis la animo de nia juna Asocio. Kvankam kiel liceа profesoro li havis malmulte da libera tempo, li tiun malmulton plene dediĉis al UEA, skribante artikolojn por nia gazeto kaj multajn klarigajn leterojn al interesuloj, elpensante novajn projektojn pri la funkciado de nia Asocio, prizorgante la financan fakon, kies plej humilajn skriblaborojn li faris kun fervoro, ĉar li sciis, ke de ilia zorga plenumo parte dependas nia progresado. Aliaj samideanoj, Cazeaux kaj Pointer, ho ve! ankaŭ tro frue mortintaj, prenis sur sin parton de nia laboro, la unua sin okupante speciale pri la gvidfolioj, la dua pri varbado de novaj Delegitoj. S-ro G. Stroele, el Neuchâtel, ankaŭ nin multe helpis, prizorgante dum kelka tempo parton de la administra laboro. Gravan dankadon UEA ŝuldas al nia tre kara Bolingbroke Mudie, kiu bonvolis akcepti la prezidon de nia Asocio en la momento kiam pri ĝi regis ankoraŭ nefido kaj skeptikeco; li tiel donis al ni la apogon de sia aŭtoritato kaj granda populareco. Multaj Esperantistoj konfide aliĝis, kiam ili sciis, ke „Mudie estas tie". Ho ve! tiun fidelan amikon same kiel Rousseau forrabis de ni la monstra milito! Pli malfrue venis Ĝenevon por kunlaboro nia nuna vicdirektoro Stettler, kiu dum multaj monatoj baraktis en niaj kontolibroj, kaj post malfacila kaj neagrabla laboro sukcesis starigi UEA sur firma financa fundamento. Sen ĉiuj tiuj amikoj, sindone kaj fervore laborintaj pri taskoj ofte malagrablaj, nia Asocio ne estus povinta elkreski.

Rakonti la historion de UEA en la postaj jaroj estus materialo tro densa por simpla gazetartikolo. Kiu interesiĝas pri tio, trovos en la jarkolektoj de „*Esperanto*" ĉiujn informojn pri la evoluo de nia Asocio, pri la problemoj, kiuj prezentiĝis al ĝiaj gvidantoj, pri la laboroj, kiujn ĝi faris.

La demandon, ĝis kia grado sukcesis nia penado, oni povas juste respondi nur se oni kompare rigardas la staton de UEA en 1908 kaj en 1914 antaŭ la eksplodo de la milito. Nu, estas nekontesteble, ke dum tiu tempo gravaj progresoj estis faritaj. Al la eksteruloj ili eble ŝajnas modestaj; al ni, kiuj travivis kaj trasuferis la ekziston de UEA, ili ŝajnas rimarkindaj. El la malgranda nefirma organizaĵo de la komenca periodo elkreskis Asocio, kiu antaŭ la milito kalkulis ĉirkaŭ 7000 diverslandaj membroj pagantaj kotizaĵon da 2.50 frankoj; firma financa fundamento estis starigita; la malgranda Jarlibro de 1908 fariĝis dika eldonaĵo ŝatata kaj uzata de ĉiuj agemaj Esperantistoj; dank' al la retaro de la delegitoj multegaj servoj pomile kalkuleblaj estis faritaj al niaj membroj; Esperanto estis puŝata sur la vojon de la praktikaj aplikaĵoj kaj estis pli kaj pli utiligata por la diversaj bezonoj de la internacia vivo. Plie, la ideoj, kiujn enkorpigis UEA, disvastiĝis inter la Esperantistaro kaj grave influis la propagandmetodojn, kaj la spirito de UEA naskis multajn entreprenojn, kiuj kvankam tute memstaraj kreiĝis sub ĝia idea influo. Ke ni ne plene realigis nian vastan programon, tion ni tro bone scias. La homo estu kontenta, se el liaj multaj revoj nur la centona parto ekrealiĝas. Grandajn malfacilaĵojn ni renkontis precipe ĉar, kiam ni komencis nian agadon, la Esperantistaro plejparte estis sub la influo de eraraj metodoj. Novan pensmanieron, novajn labormetodojn ni unue devis krei, kaj tio ĉi ne estas la afero de kelkaj tagoj. Plie, niaj progresoj estis longe haltigitaj, ĉar ni dum jaroj baraktis kontraŭ financaj malhelpoj. Fine, en la jaro 1913, estis kreita la fundamento por efika agado; UEA, elirinte el la krizperiodo, sin preparis por pli vastampleksa laboro kun pli bonaj armiloj. Ni estis esperplenaj...

Ho ve! la belajn revojn, kiujn ni cerbumis komence de 1914, denove forpelis per unu bato la sovaĝa mondfrenezaĵo. Anstataŭ peni por progresi, ni devis peni por ne morti. Elteni tiam fariĝis nia pli modesta devizo. Tamen, meze de la granda ĉagreno, estis relativa konsolo, ke nia konstruaĵo ne estis detruita, dum tiom multe da aliaj internaciaj entreprenoj pli grandioze aranĝitaj kaj ŝajne pli fortaj pereis je la unua militblovo. Nian dometon traskuis la ventego, sed la ŝtonoj estis bonaj kaj la dometo ankoraŭ staras meze de la internacia kampo dezertigita. Multaj forlasis ĝin dum la malkomforta vetero, sed kelkaj centoj da fideluloj ne forgesis ĝin kaj firme volas, ke ĝi eltenu kontraŭ la uragano, tiel ke morgaŭ ni povu denove ĝin plivastigi kaj plibeligi. De la plua subtenado de vi ĉiuj, fideluloj, de via energio kaj de via fervoro dependas tio, ke ne pereu entrepreno, kies starigo kostis tiom da oferoj, kaj tiom da penoj. Ne, ne, ni konfidas al vi: UEA eltenos kaj venkos!

*H. Hodler.*

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* La hungara gazeto por kolektantoj „Gyüjtöklapja" enhavas regulan rubrikon en Esp. sub la gvidado de S-ro Béla Szász. En la societo de la kolektantoj fondiĝis Esp. faka grupo, kiu aranĝis kurson por filatelistoj sub la gvidado de S-ro S. Kraus. Ĝi projektas aranĝon de granda ekspozicio Esp. kaj filatela. — *Krakow:* Okazis ĝenerala kunveno, kiun malfermis S-ro Prof. D-ro Bujwid. S-ro S. Kornfeld paroladis pri D-ro Zamennof kaj pri nia movado dum la milito. — *Praha:* Oni projektas la fondon de bohema Esp. revuo.

## Britujo.

*Bexleyheath* (Kent): La junula grupo progresis. Ĝia fondinto, S-ro A. W. Thomson, sukcese propagandas en la armeo. — *Bolton:* La 39a kvaronjara konferenco de la Federacio Lancashire kaj Cheshire estis vera sukceso. Pli ol 100 Esp-istoj el diversaj lokoj ĉeestis. Brig. General G. Kiffin Taylor konsentis fariĝi patrono de la Federacio. S-ro J. D. Applebaum estis reelektata kiel prez. Bona progreso estis konstatita en la regiono. — *Bradford:* La grupo pli kaj pli fortiĝas. La proksima Jorkŝira Konferenco okazos en Bradford. — *Edinburgh:* Tre interesa kaj sukcesa infanvespero estis aranĝita. Propaganda kunveno okazis ĉe Morningside U. F. Church, laŭ la peto de la pastro de tiu preĝejo. — *Glasgow:* Diversaj muzik-vesperoj estas aranĝitaj kun bona sukceso. — *Grimsby:* La grupeto progresas. Okazas kurso inter la socialistoj kun ĉ. 20 lernantoj kaj du kursoj por infanoj. — *Liverpool:* S-ro Edge Hill komencis kurson por infanoj. — *London:* La jara ĝenerala kunveno de B. E. A. okazos la 20 majo. En Bayswater S-ino Rolleston komencis kurson. S-ro Bernard Long faris interesan paroladon ĉe la Working Men's College. — *Southport:* F-ino Iddon gvidas kurson. Krom tio okazas du kursoj en publikaj lernejoj. — *York:* La grupo

havis sian ĉiujaran kunvenon. La nombro de la membroj nun atingas 55. — *Ystrad Road:* Pastro W. H. Harris faris paroladon antaŭ la loka Eklezia Societo de Junuloj.

## Danujo.

La kluboj en *Kopenhago* kiel kutime havas kunvenon ĉiusemajne. La konversacia klubo kunvenas tri aŭ kvar fojojn monate; kaj „Societo de Danaj Esp-istoj" unu fojon ĉiumonate dum la vintro havas publikan kunvenon. La 28 febr. la membroj kun siaj konatuloj ĉeestis interesan vesperon; paroladon faris F-ino Noll pri: Vivanta artefarita lingvo. Oni ankaŭ prezentis literaturan ekspozicion. Trimonata kurso por komencantoj baldaŭ finiĝos. La instruisto, S-ro Martin Blicker, kiu jam instruis diversajn kursojn, povas anonci pli ol ordinaran intereson ĉe la lernantoj. — „*Centra Dana Esp. Ligo*" elsendis al la grupoj, kiuj aliĝas al la Ligo, la ĉiujaran demandaron pri „laboro farita en la pasinta jaro", kaj el la respondoj de la provincoj oni kun ĝojo ricevis informon pri tre bona laboro de la laborista grupo „Unueco" en *Odense*.

## Germanujo.

*Augsburg:* Parolad-vespero estis aranĝita. S-ro Beck faris ĝeneralajn rimarkojn pri Esp. kaj S-ro K. Steckfuss, Del., interese paroladis pri UEA. — *Berlin:* S-ro Nienkamp, la konata verkisto de „Fürsten ohne Krone" faris tre sukcesan paroladon en la virina klubo. En la kuracista unuiĝo de Berlin-Halensee, S-ro D-ro Winsch faris paroladon pri „kuracisto kaj Esp.", kiu estas aperonta en la ĵurnalo „Archiv für physikalisch-diätetische Therapie in der Praxis". La sama ĵurnalo de nun aperigos je la fino de ĉiu originala artikolo Esp. resumon. Imitinda ekzemplo! — *Bonn:* S-ro O. Glossmann projektas aranĝi kurson kaj fondi grupon. — *Breslau:* Festkunveno estis aranĝata memore al D-ro Zamenhof. S-ro Selten faris festparoladon. S-ro M. Mielert publikigis artikolon pri Esp. en la „Schlesische Volkszeitung" kaj en la „Deutsche Kirchen-Zeitung" (München). — *Dresden:* En la februara kunveno de UEA S-ro S. Winkelmann parolis pri la celoj de la germana Esp. movado post la milito. Ĉe la marta kunveno S-ro R. Maske paroladis pri la verkisto Sienkiewicz. — *Hamburgo:* Fondiĝis Bahai-Unuiĝo, kiu uzas nian lingvon por siaj internaciaj rilatoj. — *Potschappel bei Dresden:* S-ro instruisto Johne gvidas kurson. — *Siegburg:* Nova kurso estas komencita. — *Wilhelmshaven-Rüstringen:* La du komencitaj kursoj havis kontentigan sukceson. La jarkunveno estis bone vizitata.

## Hispanujo.

La dua regiona kongreso de Andaluzia Esp. Federacio ne povis okazi en Cadiz, sed denove estos en Sevilla la 21 aprilo dum la granda foiro. La estraro de la Federacio dissendis cirkuleron, per kiu ĝi raportas pri la stato de nia movado en Andaluzio kaj en la mondo. — *Barcelona:* La grupo „Nova Sento" havis sian ĝeneralan kunvenon kaj reelektis sian komitaton. Oni fondis specialan fakon por propagando, kaj intencas baldaŭ malfermi novajn kursojn.

## Nederlando.

*Zeist:* La propagando en la internigejo progresas. La grupo „Ĉiam antaŭen" enhavas 102 membrojn. S-ro Fourneau funkcias nun kiel vicprez. kaj S-ro Delvoie kiel kas.

## Rusujo.

Pro la nuna stato de la lando, la poŝtkomunikoj estas preskaŭ tute interrompitaj, kaj ni ricevas nur tre malmultajn informojn, kiuj plej ofte koncernas jam malnovajn faktojn. Ni tamen scias, ke nia movado ankoraŭ vivas kaj eĉ kelkloke progresas. — *Barnaul:* Pastro Seriŝev gvidas unu kurson. Kursoj ankaŭ okazas en la popola gimnazio, kie Esp. estas oficiale enkondukita. — *Kazan:* Estas organizitaj Esp. Studenta Rondeto kaj Esp. Sekcioj ĉe Gelernanta Unuiĝo de mezlernejanoj. — *Petrograd:* Malgraŭ la nunaj malfacilaĵoj, la Esp. agado ne ĉesis. Grupoj kunvenas. La Esp.-socialista gazeto „La Torĉo" daŭrigas aperi.

## Svedujo.

*Gävle:* La klubo havis sian jarfeston, ĉe kiu ĉeestis 80 personoj. La nova estraro konsistos el S-roj Holmstedt, prez.; Schewelius, vicprez.; Zeturbery, sekr.; Kilstrom, vicsekr.; Orn, kas.; Liljemark, bibl.; Wahlund. La klubo aranĝas novan kurson; jam aliĝis 22 partoprenantoj. Monkolektiloj estos eldonataj. — *Göteborg:* Nova kurso okazas. La Esp. Unuiĝo kreskas ĉiusemajne. — *Karlstad:* Nova klubo fondiĝis; aliĝis 18 membroj. — *Kristianstad:* Klubo estas fondita post parolado de S-ro N. Nordlund; 25 personoj aliĝis. — *Visby:* S-ro E. Adamson, el Stockholm, paroladis ĉe festkunsido de bontemplana junula klubo. Kelkaj junuloj ekstudas nian lingvon.

## Svisujo.

*Lausanne:* Ĉe la societo de bulgaraj studentoj, S-ro I. Krestanoff faris paroladon pri Esp. kaj ĝia signifo por la ligo de la nacioj. Multaj interesiĝis. S-ro Ed. Privat baldaŭ faros paroladon en la Popola Domo.

## Argentino.

La Centra Komitato de Argentina Esp. Asocio konsistas el S-roj J. Prat, prez.; R. Estilles, J. Fourquet, sekr.; J. Casala, kas.; P. Silenta; E. Garcia; E. Rodriguez. Adreso: Esp. Hejmo, 1354, Str. Estados Unidos, Buenos Aires. — *Bahia Blanca:* Sub la nomo Centro Esp. „Nova Sento", grupo estas fondita, kiu decidis aliĝi al Argentina Esp. Asocio.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* La tiea societo tre bone progresas. Je la ĉiujara koncerto ĉeestis 200 entuziasmaj personoj. La movadon tre helpas la paĝo de Esp. informoj aperanta duonmonate en „Stead's Review".

## Usono.

*Chicago* (Ill.): S-ro Chas. P. Lang, redaktas Esp. kursojn en la „Skolto", gazeto kun pli ol 200,000 abonantoj; la sukceso estas granda. Lecionoj ankaŭ aperas en la „Internacia Skolto", Enoree, S.C. kaj en la „Universala Skolto", Webster, N. Y.

## Maroko.

Ni ricevis kelkajn informojn el tiu lando: S-ro Ch. Thollet malfermis ferajejon de la „Verda Stelo" en *Kenitra*. S-roj Richard en *Tanger* kaj Sazy en *Rabat* restas fidelaj reprezentantoj de nia movado en Maroko.

# TRA LA GAZETARO

∴ „*British Esperantist*" (marto). Kroniko. Raporto de la Propaganda Komitato de B. E. A. Milittempa Propaganda Komitato. (Oni anoncas, ke la propaganda laboro inter militistoj sukcese daŭrigas). Libraro kaj Gazetaro. La negeroj, versaĵo de S-ino Henriet-Nolotte. Alvokoj, k. t. p.

∴ „*Esperanto-Monthly*" (februaro). Cindrulino, teatraĵeto por infanoj, de Louise Briggs. Anglaj artikoloj de W. Fieldsend: Kiel mi lernis paroli Esp., de F-ino E. Hogg pri praktikaj sugestoj por instrui Esp. al infanoj, de Ch. H. Edmonds pri propagando, k. t. p.

∴ „*France-Esperanto*" (novembro-decembro). Post unu jaro de vivo! oni konstatas, ke la fervoro de la francaj Esp-istoj iom post iom reviviĝas, precipe ĉe mobilizitoj. Listo de la militmortintaj samideanoj. Ni ekrigardu malantaŭen! Esperantistoj, antaŭen! alvoko de mobilizito. La gazetaro kaj Esp. Interesa parolado pri la vivo kaj verko de nia Majstro, farita ĉe la memoriga kunveno de la Parizaj Esp-istoj. La laboristaro kaj Esp., ekstrakto de parolado de S-ro prof. Laval. Bibliografio.

∴ „*Germana Esperantisto*" (marto). Eldono A.: Ĉu nuntempe germana Esp. kongreso estas ebla? germana artikolo de D-ro H. Arn-

hold, kiu nee respondas tiun demandon pro la nuntempaj cirkonstancoj. Armiloj por varbado, de M. Mielert, kiu i. a. proponas la verkadon de romano pri la vivo de nia Majstro. Kroniko. Raporto pri la gazetoj kaj Esp. Diversaj komunikoj, i. a. alvoko de Prof. D-ro Dietterle por militkunveno de la germanaj Esp-istoj okazonta en Leipzig la 6—8 aprilo, se la nombro de la aliĝoj estas sufiĉa. Inter la literaturajoj de eldono B., troviĝas interesa fragmento de traduko de la fama Dia Komedio de Dante, kiun entreprenis S-ro E. Wüster. En la scienca aldono *„Esperanto-Spiegel"* germanlingva talente verkita artikolo de D-ro K. Zimmermann pri la principoj de mondlingva movado, kaj artikolo de J. Kohler pri Esp. kaj la aŭtorrajto.

.˙. *„La Espero"* (februaro). La Esperanta librejo, kelkaj rimarkoj pri niaj libroj. Informoj pri la 1ª Skandinava Kongreso de Esp. en Gotenburgo (6—10 aŭgusto 1918), 79 personoj aliĝis el diversaj landoj. Kroniko. Komunikaĵoj. Literaturaĵo. Ĝis kiam?, porpaca alvoko de S-ino M. I. Krestanoff. Kantu! instigo al la kantado ĉe la Esp. grupoj. Libroj kaj gazetoj.

.˙. *„Le Monde Espérantiste"* (januaro-februaro). Rerigardo, artikolo pri la dumjaraj progresoj de nia afero. Kroniko. „Le Romanal", kritikartikolo pri nova lingvo sur latina bazo, kies aperon pli-malpli ŝerce anoncis kelkaj francaj gazetoj. La aŭtoro de tiu latinaĵo estas S-ro A. Michaux, kiu de post la apero de Ido perdis sian tempon per elpenso de diversaj lingvoj sur latina fundamento. Malfeliĉa S-ro Michaux, kiu kredas sin nova Zamenhof!

.˙. *„Oficiala Gazeto Esperantista"* (decembro 1916). Tiu ĉi N-ro enhavas oficialajn dokumentojn pri la dek-unua Kongreso (San Francisco), cirkulerojn de la loka organiza komitato, raporton de S-ro prezidanto de la K. K. K., protokolon de la ĝeneralaj kunvenoj, k. t. p.

.˙. Aliaj ricevitaj gazetoj: *„Bulteno de Svisa Esperanta Societo"*, *„Esperanto-Raporto"*, el Danujo (februaro), *„Internacia Bulteno"*, germana informilo pri la milito (februaro kaj marto).

* * *

.˙. *„Teknika Revuo"* (januaro-februaro). La apero de tiu ĉi gazeto estus ja salutinda, se ĝi efektive celus la metodan kompletigon de niaj teknikaj vortaroj kaj la prilaboron de nia lingvo por teknikaj uzoj. Sed estante sub la gvidado de S-ro de Saussure, ĝi bedaŭrinde sin okupos precipe pri . . . serĉado de novaj alfabetoj. La unua N-ro estas presita per unu el la multaj alfabetoj elpensitaj de S-ro de S., same kritikinda kiel tiu priparolita en nia novembra N-ro. Tiu ĉi alfabeto kripligas nian lingvon kaj pekas kontraŭ ĝiaj esencaj principoj.[1] Ĝi eĉ estas malpli bona ol la solvo, kiun proponis D-ro Zamenhof por anstataŭi supersignojn en okazo de bezono. La fakto, ke S-ro de S. uzas nur tiun absurdan alfabeton estas tiom malpli pravigebla, ke la presejo de „T. R." havas abundan kolekton de supersignoj. Ni ripetas, ke la demandoj pri alfabeto kaj vortaro estas neapartigeble ligataj. Se oni volas reformi la Esp. alfabeton, oni devas refandi la vortaron. Sed feliĉe tio ne estas necesa. La Zamenhofa alfabeto estas unu el la plej geniaj partoj de nia lingvo, ĉar ĝi sola permesas laŭeble respekti la grafismon kaj la fonetismon de la vortoj por atingi maksimuman internaciecon. Aliparte, oni nun ne plu rajtas diri, ke ĝi malhelpas la presadon de Esp. libroj kaj jurnaloj. Ne la presaĵoj mankas, sed la legantoj! Pretendi, ke la teknikistoj bezonas specialan sensupersignan alfabeton estas malsaĝaĵo. Ĉion ĉi S-ro de S. mem konstatos, kiam li estos elpensinta sian kvindekan alfabeton, sed ĝis tiam kiom da tempo, kiom da mono, kiom da papero vane elspezataj! — *H.*

[1] Ekzemploj: Çia tçarma votço tre platçis al mi. — Tçu vi scias, kie kuças la çlosilo de la çranko? — En la tçirkawayo de la vilaqo troviqas çtonminejo. — La çuoj estas antaw la seqo.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kiel oni povas nin helpi.** — Kiel oni povas plej efike helpi al UEA dum tiu ĉi malfacila tempo?, demandas kelkaj samideanoj.

La respondo estas simpla:

Pagante regule la kotizaĵon por la kuranta jaro aŭ, se eble, aliĝante kiel *subtenanto* (*minimuma* kotizaĵo: 5 frankoj).

Restante fidela abonanto de *„Esperanto"*, kiu estas nun la sola internacia ligilo de la Esperantistoj.

Varbante novajn membrojn al nia Asocio kaj revigligante la intereson de antaŭaj membroj, kiuj erare opinias, ke oni devas atendi la finon de la milito antaŭ ol ion fari.

Uzante la servojn de UEA kaj tiel pruvante ĝian utilecon, eĉ dum la milito.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 1375 |
| 12. F. G. Cottrel, Washington, D. C. . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 1500 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 28 februaro estis enkasigitaj 751 kotizaĵoj (el kiuj 63 subtenantoj). Krom tio estas 158 dumvivaj membroj. Sume: 909. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 28.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato februaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 486 | 330 |

*Tuta sumo:* 816. (Antaŭa monato: 839.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Kvara listo:*

51. W. Carpenter (Escondido, Usono). — 52. W. Fearn (Lakeport, Usono). — 53. C. Pickert (St. Charles, Usono). — 54. M. Mac Conkey (Sioux City, Usono). — 55. J. Applebaum (Liverpool). — 56. F. Strong (Exeter, Angl.). — 57. F-ino Z. Inman (Halstead, Angl.). — 58. F-ino J. Inman (Halstead, Angl.). — 59. J. O'Dell (Hailsham, Angl.). — 60. J. Calvert (London). — 61. F-ino M. Hathway (London). — 62. C. Ricca (Genova). — 63. O. de Beus (Culemborg, Nederlando).

### Novaj Delegitoj.

*Dublin* (Irlando). — D.: S-ro Aodh de Blacam, 22, Sraid Chonnacht, Phibsboro.

*Santander* (Hispanujo). — D.: S-ro A. T. Iglesias, 13, Cervantes,
*Sydney Mines* (Kanado, Cape Breton). — D.: Rev. R. E. Fairbairn, Huron av.
*Torquay* (Anglujo, Devonshire). — D.: F-ino T. S. Wilkes, „Espero", 39, Belgrave Road.

**Ŝanĝo.**

*Augsburg* (Germanujo, Bavarujo). — D.: S-ro Karl Streckfuss, Stadtjägerstr. 22. — VD.: F-ino Ida Hornung, B. 38.

**Rimarkoj.**

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj: *Cambridge* (Mass., Usono). — *Ireland Island* (Bermuda, Usono). — *Tilden* (Nebraska, Usono).

# Esperantista Parolejo

## Pri memortago

El „*Svisa Espero*", bulteno de Svisa Esperanta Societo, ni represas la suban artikolon, pri kiu ni atentigas niajn ĉiulandajn legantojn.

La komitato de Svisa Esperanto Societo, diskutinte la eblecon kaj la utilon de l' jena projekto, proponas, ke en ĉiu loko, kie estas Esperantista grupo, oni okazigu memorigan solenon je la unua datreveno de la morto de nia Majstro. Efektive, jam preskaŭ unu jaro forpasis de la tago, kiam Doktoro Zamenhof lasis senkonsolaj siajn familianojn kaj senkapigita nian kolegaron. Decas do, ke ni Esperantistoj rememoru, la 14 aprilo, la doloran perdon de la kreinto de nia movado, unu el tiuj malofta geniuloj, kies laboron la homaro ĝuste taksos nur post longaj jaroj.

Kompreneble, ĉiu el ni, je la dirita tago, funebros en sia koro pro la terura bato, kiu senigis nian vojon je ĝia gvidanta lumo; kiu havis la feliĉon iam alproksimiĝi la fondinton de nia lingvo, revekos en sia memoro la bonkoran rideton mildan kaj modestan, per kiu li akceptis ĉiun el ni; kiu konscias pri la ne taksebla kulturilo, kiun li, per senlaca penado, estigis el la lingva diverseco kaj malavare donacis al la homoj, — kiu en la nuna premepoko kredas, ke iam Esperanto helpos forigi la malaman antaŭjuĝon, dank' al kiu hodiaŭ ankoraŭ „frat' fraton atakas ŝakale", tiu klinos la kapon kaj enpense ploros la tro fruan malaperon de la noblulo, al kiu ni ŝuldas dankemon eternan.

Sed poste, tiu relevos la kapon kaj diros: ne sufiĉas bedaŭri kaj funebri; mi ankaŭ laboru miapove por fruktigi la jetitan semon, mi diskonigu mian scion, mi varbu adeptojn al nia movado, mi klopodu, por ke baldaŭ Esperanto fariĝu la supernacia ligilo de ĉiuj bonvoluloj.

Kiel ni inde altiros denove la atenton de niaj samideanoj kaj de la publiko pri nia lingvo? Ĉiu grupo agu laŭ sia medio kaj siaj rimedoj. Oni je eble aranĝu publikan paroladon pri tiu temo; kiu tion povas, verku artikolojn kaj ilin aperigu en la loka gazetaro; ĉiuokaze oni kunvoku specialan memorkunvenon kaj tie renovigu la fervoron de l' entuziasmaj kiel de l' duonvarmaj per taŭga programo kun alparolo, kantoj, poezioj Esperantaj; oni uzu ĉiun perilon, profitu ĉies forton por taŭge glori Doktoron Zamenhof kaj disvastigi homaman altidealon.

Vere estas, ke la nunaj cirkonstancoj ne ĉiel faciligas nian propagandon; oni ofte malfidas hodiaŭ la internaciecon, la pacamon; la intergentaj rilatoj kaj asocioj kvazaŭ malaperis; kiu ankoraŭ sonĝas pri paco, amo, frateco, tiu estas ambaŭflanke suspektata per insulto.

Tamen aliparte, oni ne povas riproĉi la Esperantistaron, kiel oni faras, prave aŭ ne, kontraŭ aliaj kredanaroj, ke ĝi ne malhelpis la katastrofon. Nia movado ja estis tro nova, tro malforta, tro ignorita por veki tian esperon, por kontraŭstari la sangoverŝadon. Sed tiu sama terurajo montris kiel malmulte ankoraŭ la homoj konas sin reciproke, kiel la baroj, interalie la lingvo, estas fortaj, kiuj dividas la naciojn je malamikaj partioj; kiel potenca estis, sur la popolamaso de ĉiu lando, la jurnalaro, kiu sukcesis ĉie kredigi, ke la propra nacio estas pacema, milda, klera kaj malambicia, dum la alia estus konkerema, kruela kaj sovaĝa.

Kiam Esperanto regos la mondon, kiam ĉiu komprenos la alian, estimos lin kaj kun li amikiĝos, ĉu frata interbuĉado estos ebla? Se vere, por ĉiam malebligi la rekomencon de l' homara memmortigo, oni fine organizos la tiel priparolitan societon de l' nacioj, ĉu ĝi ne bezonos komprenigilon, ĉu neŭtra lingvo ne estos necesa bazo por tiu grandioza konstruaĵo?

Jen estas la bela rolo antaŭdestinita por nia entrepreno en la estonteco; ni kunhelpu por realigi tiun esperon; ĉiu eta paŝo antaŭen proksimigas al la celo.

*G. Strele.*

## Pri la Jarlibro de UEA

Leginte la paragrafon sur paĝo 133 (9), decembra N-ro, de „*Esperanto*" pri eldono de Jarlibro, mi permesas al mi, diri la jenon:

Estas ne necese eldoni pluan Jarlibron dum la milito, pro tio kion la paragrafo trafe diras „ĝi nek utilas al la granda plimulto, nek havigas al ni novajn adeptojn". La ceteraj ne rajtas plendi, ĉar la kulpo estas ĉe ili mem. UEA publikigas ĉion necesan en la fako „Oficiala Informilo", kaj la personoj, kiuj volas havi „ĝisnunan" informadon", tion povas havi per elspezo de dekkelke da minutoj ĉiumonate korektante la lastan ekzempleron de la Jarlibro, kiun ili posedas, laŭ la informoj en tiu fako.

Ho! ke Esperantianoj ne plendu sed pagu sian kotizaĵon por subteni UEA dum la milito ĝis ĝi povos agi pli libere kaj pli forte!

*Esperantiano N-ro 10.135.*

## Oni laŭdas!

∴ F-ino *Anny Lork*, el Basel, dankas la samideanojn en Kristiania pro ilia frata akcepto.

# Lingvaj Studoj

### 10. *Pri la prefikso mis-*

Jam kelkajn fojojn oni proponis enkonduki en nian lingvon la prefikson *mis*, kiu sub tia aŭ najbara formo troviĝas en la ĉefaj eŭropaj lingvoj. Ĝi estis prove uzata en kelkaj verkoj kaj gazetartikoloj, ne vekinte gravan kontraŭstaron. La vorto *miskompreni*, ekzemple, estas jam konata de multaj Esperantistoj.

*Mis* tute ne estas samsenca kiel *mal*. Ĝi signifas malbone, erare, netrafe, neĝustatempe. Ĝi ankaŭ ne estas anstataŭebla de la sufikso *-aĉ*, kiu enhavas malŝatan kaj maldelikatan nuancon. *Parolaĉo* estas malĝentila, maldelikata parolo, *misparolo* estas erara, netrafa parolo. *Mis* estas metata plej ofte antaŭ verbaj radikoj.

Jen listo de kelkaj vortoj, ĉe kiuj la prefikso *mis* povus esti utile uzata:

*Misagordi; misakuŝi; misakcenti; misanonci; misapliki; misargumenti; misaŭdi; misceli; misciti; misdigesti* (pli ĝusta ol *maldigesti*, kiu ne havas sencon); *misdirekti; miseduki; misedziĝi; miselekti; misesprimi; misfari; misfamo* (= malbonfamo); *misformi* (= malbonformi); *misgusto; misgvidi; mishelpi; misimiti; misjuĝi; miskalkuli; miskompreni* (pli ĝusta ol la ofte uzata *malkompreni*); *miskonduki; miskonduti; miskonsili; miskredito* (anstataŭ nova radiko *diskredito*); *miskreski; mislabori; mislegi; mislerni; mismemori; misorganizi; misordoni; mispafi; misprononci; misproporcio; mispuni; misregi; misregistri; misrimarki; misscii; missendi; misservi; missoni; misŝpari; mistaksi; mistraduki; mistrafi* (pli ĝusta ol la nun uzata *maltrafi*); *mistrakti* (anstataŭ *malbontraktado* oni diru pli simple *mistrakto*); *misuzi* (= malbonuzi); *miszorgi*.

Tiu listo, kiu estus facile plilongigebla, sufiĉas por montri, ke la nova prefikso *mis* estus utila ĉe multaj okazoj kaj trafe pliriĉigus nian lingvon. Ĝi evitas perifrazojn kaj longajn vortojn kiel *malbonforma, malbongusta, malbontraktado,* kaj plie malhelpas neĝustan uzon de *mal-* kiel en *maldigesti, malkompreni, maltrafi,* k. t. p. Ĝia uzado estas do konsilinda, almenaŭ provinda. Enkonduko de tiu nova prefikso ne pli estas ŝanĝo en nia lingvo ol estis la enkonduko de la nova tre utila sufikso *-aĉ.*

### 11. *Transkurinto*

Tiun vorton oni kutime uzas por traduki la internacian esprimon: A. *deserter,* F. *déserteur,* G. *Deserteur,* t. e. la enarmeigitan viron, kiu forlasas la armeon. Por la sama senco kelkaj vortaroj proponas ankaŭ *forkurinto,* sed tiu esprimo evidente ne estas taŭga, ĉar oni ja povas esti forkurinto kaj tute ne esti en la leĝa situacio de *déserteur.* Infanoj, virinoj, maljunuloj, kiuj amase forkuras de sia lando (ekzemple, okaze de invado), estas *forkurintoj,* (F. *fugitifs*). *Transkurinto* estas pli bona esprimo, sed laŭ sia kunmeto ĝi prefere devus aplikiĝi al la viro, kiu perfide pasas de armeo al malamika armeo (F. *transfuge*). Por militista lingvo speciala radiko estas rekomendinda, tiom pli ke „déserteur“ fariĝis internacia esprimo. Ĉar la radikoj *dezert'* kaj *desert'* jam havas alian sencon en nia lingvo, oni povus elekti *dizert-i, dizert-o, dizert-into,* konforma al la angla prononco.

### 12. *Pri la uzo de la vorteto ĉi*

La vorteto *ĉi,* kiu montras la pliproksimecon, estas ordinare algluata al la simplaj vortoj *tiu* kaj *tie,* kaj aperas en kelkaj esprimoj kiel *ĉi-kune, ĉi-supre, ĉi-sube, ĉi-aldonite.* Sed laŭ sia signifo ĝi povus esti ankaŭ uzata kun substantivaj radikoj por montri rilatan proksimecon. Ekz.: *ĉi-hore* (= je tiu ĉi horo), *ĉi-momente, ĉi-tempe, ĉi-tage* (= hodiaŭ), *ĉi-nokte* (= hodiaŭ nokte), *ĉi-matene, ĉi-vespere, ĉi-semajne, ĉi-monate, ĉi-jare, ĉi-maniere,* estas oportunaj kaj mallongaj esprimoj, kiuj estas tute konformaj al la spirito de Esperanto. Ĝis nun tiuj formoj estis uzataj preskaŭ nur en poezio, sed ili ankaŭ estus utilaj por frazoj de la ĉiutaga vivo. Ekz.: Iru rapide kaj revenu ĉi-hore. — Ĉi-maniere oni atingas tujan rezultaton. — Mi iros al la teatro ĉi-vespere. — Ĉu vi legis la ĉi-matenan jurnalon? — La ĉi-monataj enspezoj estas malaltaj. — Ĉi-jare la rikolto estos bona.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Dumas, Paul,** el Toulon (Franc.), premiito de la konkurso Michelin, filo de prof. A. Dumas, prez. de „Toulona Espero“.

**Pigeard, René,** el la grupo „Liberiga Stelo“ en Sens (Franc.).

* * *

Kun doloro ni eksciis la morton de nia juna samideano el Ĝenevo, **Edmond Bouvier,** je la aĝo de 28 jaroj, post longa malsano stoike elportita. Li estis unu el la plej malnovaj Esperantistoj en Ĝenevo. Nian lingvon li lernis ankoraŭ estante en la kolegio. Tiel modesta kiel klera, Edmond Bouvier, kiu funde konis nian lingvon, kunlaboris kelkajn jarojn je nia gazeto per alsendo de tradukoj kaj korektado de la presprovaĵoj. La malsano devigis lin ĉesigi tian laboron, sed ĝis la fino de sia vivo li restis fidela al nia movado. Ni bedaŭras lian tro fruan malaperon el niaj vicoj, kaj al la ĉagrenita familio sendas la esprimon de nia kora simpatio. *H. H.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

DOESBURG (Nederlando). — S-ro H. v. Duuren, Mauritzkazerne, PI (nur haven- kaj marvidaĵoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Th. Bastogne, Barako 36, PI, L.

KOPENHAGO (Danujo). — S-ro M. Israelsen, N. Farimagsgade 55/IV (kun fotografamatoroj).

LE LOCLE (Svisujo). — S-ro P. Humberset kaj liaj 10 lernantoj (12—13 jaraj), 6a Klaso, Collège du Bas, PI (kun alilandaj komencantoj).

MAC KEESPORT (Usono, P. A.). — S-ro Randolph Sundwall, 416, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

ZEIST I (Nederlando). — S-ro A. Nachtergaele, Barako 19, sekr. de „Ĉiam Antaŭen“ dez. korespondantojn por siaj multaj lernantoj.

*Avizo:* Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO